# HELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 38 (3) MAJO - JUNIO/84



E S T R A R O  D E  A. E. A.

Prezidanto: S-ro Santiago Mulas
Vicprezidanto: S-ro Adonis González
Sekretario: S-ro Luis Muñiz
Kontisto: S-ro Manuel Fernández
Kasisto: S-ro Ildefonso Domínguez
Bibliotekisto: S-ro Julio Argüelles
Gekomitatanoj:
F-ino Pilar Alonso
S-ro Gervasio Colunga
S-ro José Ordieres
S-ro Faustino Castaño
S-ro Antonio Román

A D R E S O  D E  A. E. A.

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 341918   GIJON - 6


- - - - - - - - -

E N H A V O





Depósito legal n-ro 0/310/85


## ADONIS PRAVAS !

Jes, karaj gelegantoj, en la antaŭa numero de "HELECO", kaj precize en la Enkondukartikolo, Adonis plendis pri la malfacila tasko kiu estas por ni amatoroj ĵurnalistoj, verki tiujn malmultajn liniojn kaj, hodiaŭ, mi estas konstatante tion, ĉar mi devas plenumi ĉi tiun taskon.

Kompreneble mi klarigos al vi kial mi anstataŭas mian samideanon Adonis.

Jen la kialo! La pasinta 10-a de Majo, dek minutoj antaŭ la sepa horo, matene, aŭtobuso per kiu vojaĝis laboristoj de Gijón ĝis la laborejo "Hunosa", en Sotrondio, koliziis kontraŭ -ŝarĝaŭto. En ĉi tiu aŭtobuso vojaĝis, kiel ĉiutage, nia samideano kaj Vicprezidanto de ASTURA ESPERANTO-ASOCIO, Adonis González Meana, kiu rezultis grave vundita en lia kapo.

Feliĉe, kiam mi skribaĉas ĉi tiujn liniojn, li fartas iomete pli bone (Dankon al Dio).

Ĉi tiu grava akcidento kaŭzis du mortintojn kaj dudek kvar gravajn vunditojn. Tio montras la seriozan kaj malfeliĉan akcidenton, kiu povis esti morta por ĉiuj la aŭtobusvojaĝantoj. De ĉi tiu paĝo mi deziras por ĉiuj la vunditoj tujan kaj tutan resaniĝon, precipe por nia samideano Adonis. Ankaŭ mi kondolencas la familianojn de la mortintoj, inter ili estas nia samideanino kaj samgrupanino Ofelia.

ADONIS, ĜIS BALDAŬ!

SANTIAGO

# NIA ANTENO

En niaj antaŭaj "HELECO"-j ni forgesis komentarii pri dek minuta intervjuon farita la 18-a de Oktobro 1.983-a, de TVE (Regiona Programo) al la Prezidanto de ASTURA ESPERANTO-ASOCIO pri "Vivo, Kursoj kaj Esperanto-Movado en Asturio".

Okaze de ĉi tiu intervjuo nia grupo ricevis amase da leteroj kaj telefondemandoj pri Esperanto, inter ili, unu gravega, tiu de la Art- kaj Metilernejo de Avileso, demandante pri Esperanto kaj pri la ebleco organizi Esperanto-kurson kiel provo. Kompreneble ni kontaktiĝis kun la respondaj personoj de ĉi tiu grava kaj centjara lernejo (ĝi estis fondita la jaro 1.879-a kaj dum la kurso 1.983/1.984-a, la gelernantoj estis 1.830, en 24 temaroj). Post la unua kontakto nia Grupo decidis organizi mallongan Esperanto-kurson.

Post prelego pri Esperanto en la Aktosalono de la Ŝparkaso de Avileso, farita de nia samideano Alcibiades González Meana (vidu "HELECO"-n nº 36, Januaro-Februaro/84),

Tiu ĉi kurso komencis la 2-an de Februaro 1.984-a kaj pri ĝi raportis ĵurnaloj de Gijono kaj Avileso, kaj ankaŭ Radio Gijono. Tiu ĉi kurso estis gvidata de la Prezidanto de ASTURA ESPERANTO-ASOCIO, kaj okazis du fojoj semajne, mardo kaj ĵaŭdo. (Konstatu ke Avileso estas malproksime de Gijono 29 kmjn, kaj ke la komenco de la klaso estis - la 21-a horo, do post la fino de la ĉiutaga laborado la "profesoro" devis vojaĝi per aŭtobuso dum preskaŭ unu horo ĝis Avileso kaj je la 23-a horo, post la klarigo de la klaso, revojaĝi per alia aŭtobuso ĝis Gijono. Mi ĉi tion eksplikas ne kiel aroganteco aŭ vanteco sed kiel pruvo de hispana diraĵo: "Faras pli tiu, kiu volas ol tiu, kiu povas."

Pro ĉi tiu kurso, fakte, nova Esperanto-Grupo estos fondota en Avileso.

La kurso daŭris de Februaro ĝis Majo, kaj la kursfino okazis la 1-a de Junio per bela kaj agrabla festo en kiu Astura Esperanto-Asocio estis reprezentata de nia Prezidanto kaj aliaj membroj de la estraro. La kursfina festo komencis per paroladeto de la Sekretariino de la Lernejo, fraŭlino María José Hurlé, kiu salutis la ĉeestantaron. Poste, la Direktoro, Sinjoro Huskin del Campo legis mallongan raporton pri la kurso 1.983/1.984-a kaj sekve estis disdonitaj premiojn kaj diplomojn al la gelernantoj kiuj atingis la plej bonajn kvalifikojn en la diversaj temaroj, inter ili, en la temaro Esperanto, kiu atingis tri premiojn, konsistante en libroj kaj belaj diplomoj.

Por la tri gelernantoj kiuj meritis la plejn altajn kvalifikojn, kaj estis la jenaj: María José Faedo, María Victoria Marquínez Santamaría kaj Miguel Solís Santos.



## Clausura de curso en la Escuela de Artes y Oficios

En la tarde de ayer y teniendo como marco el salón de actos del Colegio de San Fernando, tuvo lugar el acto de clausura de curso de la Escuela de Artes y Oficios. El acto fue abierto por la secretaria de la escuela para pasar a continuación, a la lectura de la memoria de actividades ecadémicas a cargo del director de la escuela. Seguidamente se procedió a una a la entrega de una placa en reconocimiento a su labor al conserje del centro que lleva veinticinco años en el cargo. Varias personalidades, entre ellas nuestro periódico, fueron galardonadas con un diploma de socio honorario de la escuela. Posteriormente se efectuó la entrega de diplomas a los alumnos más destacados de cada materia así como, por parte del presidente de la Federación Asturiana de Esperanto, una placa a los alomnos que recibieron clases de esperanto. Disciplina esta que se impartió por vez primera en la escuela. Hay que destacar que entre los alumnos de esperanto se encontraba el propio presidente del patronato rector de la escuela. Varios alumnos y alumnas de la escuela escenificaron un «sckest» teatral así como interpretaron varios bailes regionales. (Foto Poldo)

La ceteraj gelernantoj de Esperanto ricevis la VERDAJN STELOJN, inter ili, la Prezidanto de la Lerneja Mastraro, Sinjoro Victor Urdangaray Argüelles kaj la Avileso-aj geprofesoroj Nicolás Muñiz kaj lia edzino María Luisa Menéndez. En la interaktoj de la festo okazis intervenoj de la gelernantoj, kiel Asturaj Regionaj Dancoj, Teatra Ateliero, Baleto, Astura Sakfajfilo. Resume, gravan travivaĵon kiu ni ĝuis en esperanta etoso.

SANTIAGO

Momento de la disdonado de premioj kaj diplomoj dum la festo de la kursfino de la Art- kaj Metilernejo de Avileso.



## N E K R O L O G O

Zbigniew Dobrzyński forpasis la 14-an de Majo 1.984-a en Varsovio (Pollando), kiam li estis nur 48 jaraĝa.

Mi ne bezonas reliefigi lian profesiecon, kiel rolanto de Pola Esperanto-Teatro, bonhumoran kaj gajecan, sen forgesi lian regon super Nia Lingvo, ĉar li estis sufiĉe konata en la Esperanto-Movado.



En Hispanio li prezentadis Esperanto-Teatron en multaj Naciaj Esperanto-Kongresoj. En nia urbo, okaze de la 39-a Nacia Kongreso de Esperanto ni povis ĝui lian majstrecon en la sceno, kaj en ĉiuj verkoj de li prezentataj, kiujn ni spektis.

Mi kondolencas sian edzinon, nia kara amikino Kalina Pieńkiewicz kaj ceterajn familianojn.

Ke li ripozu pace.

SANTIAGO

# La verda komisarejo

## OFICIALA KOMUNIKO

Dum la ĵus pasintaj semajnoj, la taĉmento "Verdastelo" arestis kelkajn lingvodeliktulojn, kies nomojn kaj deliktojn prezentas la suba listo.

ARESTITOJ EN LA TERITORIO DE "BOLETIN", NUMERO 260:

La t.n. ĈAR, kiu uzurpas la rolon de s-ro KE en la linio 40ª de la maldekstra kolumno de la paĝo 8.

La t.n. DA, kiu uzurpas la okupon de s-ro DE en la linio 5ª de la paĝo 12.

La t.n. REKONTIĜO, kiu uzurpas la funkcion de sia parenco RENKONTIĜO en la sama paĝo, linio 15ª, kaj en la paĝo 13, linioj titola kaj 2ª.

La t.n. (grupo) SIA MOŜTO LA URBESTRO, kiu uzurpas la postenon de la skipo LIA URBESTRA MOŜTO en la linio 17ª de la paĝo 12.

La t.n. (grupo) LIA MOŜTO LA URBESTRO, kiu agas same en la linioj 41ª kaj 42ª de la paĝo 13 kaj 3ª kaj 4ª de la paĝo 14.

La t.n. ĤOTA, kiu uzurpas la taskon de s-ro ĤOTO en la linio 21ª de la dekstra kolumno de la paĝo 13. Dum sia agado en tiu sama kolumno, niaj policanoj konstatis foreston de s-ro ONI, kiu devis deĵori inter s-roj KIE kaj ATENDIS en la linio 19ª.

La t.n. KASETON-SERVON, kiu uzurpas la profesion de s-ro KASETO-SERVON en la linio 25ª de la paĝo 12.

La t.n. ESPERANTON, kiu uzurpas la lokon de s-ro ESPERANTO en la linio 8ª de la paĝo 15.

La t.n. OKAZINTAJN, kiu uzurpas la metion de s-ro OKAZINTAJ en la linio 3ª de la paĝo 16.

La t.n. PLENAN, kiu uzurpas la rolon de s-ino PLENA en la linio 3ª de la paĝo 17.

La t.n. MONTRANTE, kiu uzurpas la oficon de s-ino MONTRANTA en la linio 5ª de la maldekstra kolumno de la paĝo 20. Ankaŭ en ĉi tiu kolumno oni konstatis foreston: tiun de s-ro DE, kiu devis deĵori inter s-roj 28-AN kaj JANUARO.

La t.n. ĴAŬDOJ, kiu uzurpas la metion de s-ro ĴAŬDE kaj devigas s-ron LA iri antaŭ en la linio 14ª de la dekstra kolumno de la paĝo supre menciita.

La t.n. SENDITAJN, kiu sin ornamas kontraŭleĝe per la finaĵo "n" en la 25ª linio de la samaj paĝo kaj kolumno.

La t.n. KUNLABORAĴOJN, al kiu okazas la samo en la linio 28ª de la samaj kolumno kaj paĝo.

ARESTITO EN LA TERITORIO DE "ESPERANTO", NUMERO 937:

La t.n. KAMIONPLENOJN, kiu akaparis la taskon de s-ro PLENKAMIONOJN en la linio 10ª de la dekstra kolumno de la paĝo 11.

ARESTITOJ EN LA TERITORIO DE "HEROLDO DE ESPERANTO", NUMERO 2 (1725):

La t.n. ORGANIZITA, kiu sin ornamas neleĝe per la finaĵo "n" en la linio 2ª de la rubriko "Nia filmo", en la paĝo 2.

La t.n. 3-A, kiu aperas en la linio 33ª de la sama rubriko sen la deviga



finaĵo "n".



La t.n. ANTAŬKONDIĈOJ, kiu faras la samon en la 10ª linio de la maldekstra parto de la paĝo 3.

La t.n. DE, kiu neleĝe anstataŭas s-ron EL en la linio 13ª de la unua kolumno de maldekstre, en la sama paĝo; kaj poste, en la linio 14ª, agas same rilate al s-ro EN; kaj iom poste, en la linio 85ª, rilate al s-ino DA; kaj laste, en la 64ª linio de la dua kolumno de maldekstre, rilate al s-ro AL.

La t.n. PUBLIKIGATAJ, kiu kuraĝas deĵori en la linio 79ª de la unua maldekstra kolumno de tiu sama paĝo sen la sufikso IG.

La t.n. PER, kiu en tiu sama kolumno, linio 66ª, uzurpas la rolon de s-ro DE.

La t.n. ĜIA, kiu uzurpas la oficon de s-ino ILIA en la linio 76ª de la sama kolumno.

Kaj jen nun la listo de la arestitoj de la taĉmento "Zamenhof" en la n-ro 36 (1) de "HELECO", kun mencio de iliaj deliktoj:

EN LA PAĜO 2:

La t.n. KOMENCOTA, kiu neleĝe paradis per la finaĵo "n" en la linio 4ª de la dekstra kolumno.

La t.n. ATENDANTE, kiu, en la sama kolumno, linio 9ª, uzurpas la oficon de lia parenco ATENDANTA.

EN LA PAĜO 3:

La t.n. MALMULTAJ kaj MINUTOJ, kiu kuraĝas deĵori en la 14ª linio de la dekstra kolumno sen la deviga finaĵo "n".

EN LA PAĜO 6:

La t.n. EL, kiu uzurpas la rolon de s-ro DA en la 28ª linio.

EN LA PAĜO 8:

La t.n. JURAMENTON, kiu aperis en la 8ª linio sen identiga karto.

EN LA PAĜO 14ª:

La t.n. OL, kiu uzurpas la oficon de s-ro DE en la 39ª linio.
La t.n. AL, kiu agas same en la linio 41ª

Doninte al ĉiuj po kvin batojn per la kvin pintoj de la verda stelo, tiuj lingvoteroristoj estis liberigitaj.

En la 15ª de Marto 1.984, LA KOMISARO

AL. ZIBJADO

---

(daŭrigo de la paĝo 9)
dum nia epoko kaj la tria konstruatas. En modernaj urbaj partoj produktas signifaj táboraj entreprenoj: Estu nomitaj almenaŭ Jiskra/ produktado de aŭtomobilaj bruligkandeloj/, KG / produktado de ledaĵoj kaj gumaĵoj /, aŭtomatikaj Baĵeoj, Elektroizola / produktado de izolantaĵoj / kaj aliaj. En tuta najbareco laboras du grandaj fabrikoj:Silon, produktado de artefaritaj fibroj kaj - Kovosvit, produktado de precizaj percifere gvidataj prilabormaŝinoj MAS . El multaj kulturinstitucioj citendas kvin diversaj mezaj lernejoj kaj Esperanta klubo, kies anoj promesas al vi, ke ili vin gvidos tra la urbo kaj instruos vin surloke ekkoni ĝian belecon, kiun - neniu libro priskribeblas. Venu baldaŭ, vi ne bedaŭros.

Ĝis la revido !

Verkis: D-ro Václav Rajlich

Havigis:D-ro František Rytír

Tábor,Februaro de 1.984

# Niaj Geamikoj el....

## ....Bulgario

### HISTORIO DE GABROVO

Gabrovo havas riĉan historian pasintecon, kiu difinas ĝian gravan lokon en nia nacia historio. Multaj historiistoj turnis sin kaj turnas sin al ĝi serĉante faktojn kaj esplorante procedojn, kunligantajn kun sublimaj historiaj momentoj de nia popolo. La kultura vivo de la urbo, lumigita de la unua bulgara moderna lernejo, kreita dum la jaro 1.835ª de Vasil Aprilov, estiĝas unu el la gvidiloj en la lando. La muziko, kiel parto de tiu ĉi kulturo, tiel same havas rimarkindajn tiutempe sukcesojn en la sfero de la muzika klerigado, en la manifestado de la lernantaj societoj, la ĥora agado kaj amatoraj orkestroj, helpataj de la gabrovaj muzikistoj de la urbaj muzikaj rondoj kaj ĥoroj.

La frua ekonomia kaj kultura renesanco de Gabrovo estas rezulto de diversaj kaj kompleksaj procedoj. Por ilia klarigado estas necese trastudi iujn konstruajn premisojn en la situo kaj historio de la urbo.

De malproksimaj epokoj Gabrovo estas krucvojo inter nordaj kaj sudaj landoj de la Balkana duoninsulo, unu el la nordaj pordoj por trapasado de Balkan-montaro sur vojo, kunliginte Danubon kun Trakio. Kaŝita en nordaj deklivoj de Ŝipka-balkano en netraireblaj fagaj kaj karpenaj arbaroj, la urbo estas en senpera proksimeco de la antikva bulgara ĉefurbo Veliko Târnovo, viglaj montaraj urbetoj Trjavna, Drjanovo, Sevlievo kaj, sude, Kazâlâk. Ĝi situas en la pintoreska valo de la rivero Jantra kaj ĝiaj riverbranĉoj – Sinkevica, Ĵâlteŝ kaj Paniĉarka; je ĝia horizonto altiĝas la legendaj montosuproj Ŝipka, Stoletov kaj Buzluĝa.

Postsignoj de la plej frua materia kulturo en la tuta Balkana duoninsulo "meza paleolitiko" (100.000-40.000 jaroj antaŭ n.E.) estas malkovritaj en multenombraj kavernoj de la Gabrova regiono. En la nuna teritorio de la urbo ekzistas monumentoj de la antaŭaj kulturoj, ruinoj de romiaj kaj bizancaj loĝlokoj, fortikaĵoj kaj lokoj, kunligitaj kun la Unua bulgara ŝtato. Dum la Dua bulgara ŝtato, Gabrovo kaj la regiono estis interligitaj kun la ĉefurbo Veliko Târnovo, kun ĝiaj monaĥejoj kaj rimarkindaj fortikaĵaj iloj. Ĝi falas sub osmana regado samtempe kun la ĉefurbo en jaro 1393ª (

Historio de Gabrovo, l.1980, p. 5-31). Sed la naturaj cirkonstancoj-profundaj balkanaj arbaraj densejoj, nealireblaj suproj kaj malfacile trapasebaj vojoj aliigas ĝin en naturan fortikaĵon kaj favoras ĝian neatingeblecon. La loĝantaro, distingiĝanta per fama laboremo kaj liberama spirito, sukcesas gardi la tradiciojn kaj morojn de mezepoka Bulgario ankaŭ post la falado sub osmana jugo. Tiu ĉi regiono estiĝas fortikaĵo de la bulgareco dum kvincentjara jugo.

Osmana regado kaŭzas radikalajn - ŝanĝojn en la politika, ekonomia kaj - kultura evoluado de la bulgaroj. Tamen gravaj demografiaj, koloniistaj kaj aliaj procedoj, akompanintaj konkeron, koncernas pli malmulte Gabrovon kaj la Gabrovan regionon. Laŭ la dokumentoj - de la XVª jarcento oni vidas, ke en la loĝlokoj de tiu ĉi regiono estis preskaŭ neniu turka loĝantaro. Ankoraŭ de tiu ĉi tempo la urbo havas statuton - ĝiaj loĝantoj devigas sin gardi la Ŝipkanan intermonton, kio asekuras al ili pli grandan personan liberon kaj iujn rajtojn kompare kun ordinaraj vilaĝoj, enloĝiĝitaj de sklavoj.

El iuj dokumentoj oni vidas,ke Gabrovo ankoraŭ dum la XVª jarcento estis unu el grandaj loĝlokoj tiutempe . En la urbo estas preĝejo de la Dua bulgara ŝtato, nomita Sankta Petka.

Pri posedo de skriba tradicio kaj klereco de plej frua periodo de osmana regado, atestas manuscriptoj de la XVª jarcento, elvenintaj el Gabrovo en nacian deponejon. Ili estas: Psalmaro,kies ortografia precizeco estas rezulto de la tradicioj de Târnova literatura skolo; Meso, kiu verŝajne ankaŭ estas kompilita en la târnovaj centroj de la antikva literatura skolo kaj Ĉasoslov (vortoj por ĉiu horo), trovita en la - biblioteko de Aprilovska gimnazio. Pri la intereso de gabrovanoj pri la libro dum la XVIª kaj XVIIª jarcentoj ni komprenas ankaŭ el manuskriptoj de tiu epoko, kolektitaj pli malfrue en la biblioteko de la Aprilovska gimnazio ( Historio de Gabrovo, p. 45-47).

En preĝeja nomaro de Zografa monaĥejo de 1527-1706 j. estas enskribitaj pilgrimintoj el Gabrovo. La kontaktoj kun Zografa monaĥejo estas subtenataj de malfermita Sanktmontara filio de monaĥejo en Gabrovo en la dua duono de XVIIª jarcento. La malfermo de la filio de monaĥejo pruvas, ke dum la XVIª-XVIIª jarcentoj Gabrovo estis rekonita kiel grava centro de la kulturaj, politikaj kaj religiaj tradicioj de mezepoka Bulgario.

Ankoraŭ de la XVIIª jarcento eklezìaj agantoj de la urbo atingas mirindan lokon en la eklezia hierarkio. En la 1665ª jaro la episkopo de la eparkio de Krupnik - en la valo de la rivero Struma - estas Serafin Gabrovano.Li sukcesas protekti la ortodoksan konfesion de lokaj bulgaroj dum la islama - periodo en la regiono de rivero Struma kaj apenaŭ post lia morto la mahometanismo disvolviĝas en tiu ĉi regiono.

Certigilo pri la vivaj literaturaj tradicioj en Gabrovo estas unu alskribaĵo de la 1681ª jaro sur la manskribita libro "Aleksandria", aĉetita kaj donacita al Zografa monaĥejo de "Neno de vilaĝo Gabrovo por sia animo-rekviemo kaj por la gepatroj".

(ĝi daŭros)

Verkis: Kina Prodanova

.... Ĉeĥoslovakio

# RIMARKOJ PRI TÁBOR

Tábor estas nomo tute enhejmiĝinta en ĉeĥa lingvo, sed en la jaro 1.420, kiam urbo Tábor estis fondita sur la loko de antaŭa Hradiště/ legu Hradjištje = muregejo/,oni pruntepreis por ĝi fremdan nomon en la biblio, nomon de la monto.sur kiu Kristo transfiguriĝis. Oni prenis do nomon signifontan transfiguriĝo de la loĝantaro kaj transfigurigo de alia mondo en Dian regnon permilite.La realeco finrealiĝis kontraŭe.Oni konstruis nevenkeblan povon kun malalirebla fortikaĵurbo, kun efikaj ĝis tiam ne viditaj armiloj, militmaŝinoj kaj militfilozofio kaj batalkanto kaj tiu povo teruregis senbare ĉian mondon. Tábor fariĝis historia nocio,kies palpeblaj postsignoj troviĝas diversloke sur nia terglobo, estas pri ĝi skribitaj, skribataj kaj skribotaj libroj, ĉi transdonis sian nomon pluen en transfiguriĝita senco/ en ĉeĥa kaj pluaj lingvoj indikas tábor militistan tendaron/, sed la plej bela memoraĵo pri estinta Tábor kaj parte pri ĝiaj fondintoj, Husanoj,estas nuntempa Tábor, situarta super kunfluo de rivero Lužnice kaj etrivero Tismenice. Ĉefe vizitindas ĝia parto "Malnova urbo", kie troviĝas plimulto da historiaj kaj konstruaj vidindaĵoj kaj kie ĝis nun konserviĝis de vena plano de konstrua spacdiserigo. Tiuj ecoj ĉefkialigis, ke urbo Tábor estis proklamita per registara decido historia konservejo.La urbon Tábor vi komprenas plejbone ne bedaŭrante penon kaj grimpante trans solida ligna ŝtuparo en preskaŭ ronda, dikmura burgoturo sur ĝian suprajplafonon. Rigardante orienten vi ekvidos pentrindan bone organizitan konfuzon da domoj,el kiuj iaj aspektas kiel malgrandaj burgoj,da stratetoj kaj stratoj, da placoj , placetoj kaj etplacetoj.La strate-





toj fantazie varias diversrompiĝante, plivastiĝante post nekredebla mallarĝigo, kurbiĝante ĉirkaŭ same kurbiĝanta domfruntaĵo. Troviĝas eĉ tiaj, en kiuj renkontiĝeblas preterironte nur du homoj. Sur taŭgaj placetoj vi rigardtrovos renesancajn ŝtonakvjojn, la plej belan el ili sur la ĉefa placo./ Eksteraĵo de la urbo estas renesanca krom malmultnombraj sed rarvaloraj esceptoj, sed enaĵoj estas gotikaj/. El la bildo ĉielen celas pluaj turoj. La plej svelta indikas ĉefan preĝejon, kies gotika diamanta volvaĵo konsistas nur el aferaj monumentaj trianguloj. Kaj rigardu konusan turon kun interesa horloĝego najbaranta la urbodomon. Tio estas tre konata panoramo, kiu rigardas onin el ĉiu libro pri ĉeĥa gotikstilo.

Sciu, dankema pilgrimanto, ke en Tábor ne sufiĉas supreniri la turon, sed ke necesas same malsupreniri subterajn koridorojn, kies reto trateksas subteran spacon de Tábor per sia ialoke eĉ trietaĝa sistemo. Subteraj koridoroj, kunigantaj najbarajn kelojn, malkoincidantaj kun supera strateto, ebligis al hejmanoj dumbezone aperi sur neatendata loko kaj oferis rifuĝejon al familioj dum brulegoj, kiuj preskaŭ regule dum malkvieta tabora historio konsumis la urbon aŭ ĝian pligrandan parton.

Ne eblas en surfaca superrigardo mencii ĉion en Tábor menciindan. Nur hazarde ni memorparolu pri parkoj, - pri signifaj arboj, pri elstaraj monumentoj, pri unua valbaraĵo Jordán, pri artaj domfrontonoj, pri domaj - signoj, pri muzeo kaj arkivo,pri botanika ĝardeno, pri romantikaj valoj de Tismenice kaj Lužnice. Sed ne forgesendas du raraĵoj en normalaj urboj ne situantaj: naturscienca reservejo Grenatroko/roko en kiu troviĝas ĝis 6 cm grandaj grenatoj/ portanta la - plej malnovan táboran preĝejeton de s-ta Jakobo kaj majesta akvofalo,per kiu eliras rivereto Tismenice el lago Jordán.

Tábor ne estas nur historia kerno, sed la vivo vigle pulsas en la krono de modernaj sidejoj devenantaj depost la unua mondmilito.Du plej famaj, plej elstaraj estis konstruitaj



(daŭrigo sur la paĝo 5)

# ANKORAŬ PRI EKONOMIO

# LA ROBOTIGO

Estas evidente, ke la progreso alportas novajn laborsistemojn, pere de pli perfektigitaj maŝinoj kaj novaj elektronikaj aparatoj, kiuj anstataŭas la homon. La tekniko estas la moderna fonto, el kiu trinkas la homo por plibonigi sian vivon. Dum la lastaj kvar jaroj, la atingoj de la scienco kaj la tekniko estas konsiderindaj. Ĉi tiuj du branĉoj de nia ekonomio, la scienco kaj la tekniko, donas al la homo novajn labormetodojn; la manlaboro iom post iom malaperas de nia ĉiutaga laborado. Ĉio ĉi tio kune ligita estas konata sub la vorto progreso. Ĝis ĉi tie estas vero, ke la homo kaj ilia vivformo ŝanĝiĝas daŭre, verŝajne tre favore, por ke li estu pli feliĉa.

Estas nediskuteble, ke la progreso liberigis la homon de tre pezaj laboroj. Sed la problemoj komenciĝas nun, kiam tiu nomata progreso liberigas la homon eĉ de tiu laboro, per kiu li ricevas la ĉiutagan panon. Nu, kio okazas? La respondo estas facila: la sociaj leĝoj malnoviĝis, ili ne estas adekvataj por la nunaj progresigaj tempoj. Tiurilate, bedaŭrinde, estas multaj homoj, kiuj opinias, ke la progreso estas nekonvena, precipe por la laboristaro, kaj tiu vidpunkto ne estas bona, ĉar erara. La progreso ĉiam estas bona kaj dezirinda. Kio ne estas bona nek dezirinda estas, ke areto da sinjoroj alpropigas al si tiun progreson, dum multaj aliaj homoj, restas sen la minimumaj vivrimedoj.

En socio, kie ekzistas senlaboreco, neniam kaj neniel oni povas paroli pri progreso. Progreso, vera progreso, ne signifas, ke maŝino anstataŭas du aŭ tri laboristojn; ĝi signifas, ke la homo vivas pli bone, pli trankvile kaj fideme pri la estonteco, kaj ĉi tion, evidente, ne alportas tiu "progreso" de ni konata en nia lando, nek en landoj kun samtendenca sociordo, kie la senlaboreco estas kio unike progresas.

Moderniĝis la maŝinoj tiomgrade, ke hodiaŭ oni jam parolas pri robotoj. Tio en nia socio signifas konstantan maldungadon de laboristoj. Ĉi tiu devenas de la sovaĝa lukto ekzistanta inter la ekonomiaj fortoj en la tiel nomata libera merkato. Cetere la robotigo alportas alian pli gravan problemon, kiu estas la konsumado de ĉio, kion produktas, sen mezuro kaj sen ordo, nia socio. Se oni maldungas la laboristojn, kiu aĉetos la varojn ?, se mono ne estas havebla, ĉar ne ekzistas laboro pro la robotigo, kiu aĉetos la varojn, kiujn - produktas tiuj robotoj ? La robotoj, - evidente ne bezonas tiujn produktojn, kiujn konsumas la homoj. Pro tiu absurda kaj maljusta distribuado de la laboro, de la rento kaj de la ekonomio, kreskas la stokoj, fiaskas la entreprenoj, aperas la senlaboreco kaj nia socio eniras tre malfavoran kaj maltrankvilan kunvivadon. Se ne estas taŭgaj leĝoj kiuj juste regulu la laboron, la renton de tiu laboro kaj la ekonomion pli aŭ malpli frue ni alvenos al katastrofo, kies komencon fakte ni jam travivas. Se en Hispanujo la du milionoj kaj duono da senlaboruloj havus sian salajron, estas evidente, ke la aĉetado de varoj - estus konsiderinde pli granda, la komercado estus pli vigla kaj konsekven-



ce la landa vivo estus pli trankvila.

Neniu dubu pri tio, ke se nia socio daŭre robotigas la laborsistemojn maldungante laboristojn, ĝi mortigos sin mem ; kaj mi denove reskribas: estas urĝe bezonataj aliaj leĝoj pli justaj. Tio, kompreneble, estas tre grava, ĉar ĝi ja signifas, ke ni enirus en alian sociosistemon, evidente sociosistemo ne dezirata de la privilegiuloj, kiuj mastrumas la mondon. Ili siavice ne okupiĝas pri la sorto de milionoj kaj milionoj da viktimoj de ĉi tiu progreso, ili sole okupiĝas pri siaj bankkontoj, pri sia ekonomia povo kaj pri sia vanta prestiĝo, Tiusence mi devas diri, ke tiuj mastroj de la robotoj plene pravas; ili baziĝas en sociordo, kiu rajtigas tiun agmanieron . Mi ilin komprenas, kvankam evidente ne konsentas kun tiu filozofio kaj kun tiuj leĝoj, kiuj donas al ili tiun superan kategorion.

Alia kurioza fenomeno, estas la apero de la "industria feŭdalismo". Vi ja povas apliki alian nomon, se vi tion deziras. Tamen vi bone scias, ke estas trustoj aŭ monopoloj, kiuj regas la mondon pere de iu branĉo de la ekonomio, kaj kiel en la feŭdalaj tempoj, ili havas siajn kastelojn , kiujn hodiaŭ oni nomas bankoj, fabrikoj , ŝipoj, aviadiloj, petrolŝaktoj...,kiu kuraĝas detronigi tiujn kastelposedantojn,se la leĝoj ilin apogas kaj protektas ? Ankaŭ, kiel en la feŭdalaj tempoj, tiuj modernaj sinjoroj batalas inter si, kio ja vere estas leĝa regulo de nia sociordo. Ĉiu deziras superi aŭ ruinigi la alian. Tamen, se tiuj, kiuj suferas ilian submetigon ribelas, tiuj sinjoroj batalantaj inter si, tuj unuiĝas por fiaskigi en iu ajn formo, la ribelantojn. La robotigo estas alia formo de tio, de la moderna "industria feŭdalismo".

La historio instruis al ni pri la fakto, ke la feŭdalismo malaperis kiel socia kaj ekonomia sistemo, kio same okazos al la nuna "industria feŭdalismo", se la sinjoroj de la hodiaŭaj kasteloj - la famaj bankoj kaj monopoloj-ne konsentas almenaŭ iomete disdoni siajn privilegiojn.

LUIS SERRANO PEREZ (SABADELL)







En "STARTO" , organo de ĈEĤA ESPERANTO ASOCIO, aperis la suba sciigon pri la Tutmonda Futbalĉampioneco okazinta dum la jaro 1.982-a en nia urbo. Kvankam ĝi jam ne estas novaĵo, ni publikigas ĝin pro sia intereso. Ankaŭ ni sciigas al la gelegantoj de nia modesta gazeto, ke dum la monatoj Oktobro ĝis Aprilo ni disponigis standon en la sama loko en kiu, same kiel dum la Futbalĉampioneco, ni montris esperantaĵojn kaj disdonis amase da informoj pri Esperanto.

...temoj estis analizitaj de bazaj raportoj ... libroforme. - Okaze de la Tutmonda Futbalĉampioneco, okazis en Gijon, sub la nomo "Panoramo Asturio-82" montrofoiro, en kiu, lau afabla ĝentileco de la Direkcio de la Foiro, oni disponigis senpage al la Astura Esperanto-Asocio standon, en kiu oni montris afiŝojn pri diversaj naciaj kaj universalaj Esperanto-kongresoj, librojn, kovertojn kun specialaj memorigaj stampoj ktp. - Oni disdonis milojn da informiloj kaj oni informis pri Esperanto pere de regionaj ĵurnaloj kaj radiostacioj. - Nova Esperanto-grupo: Karthago ... la provinco Murcia.

# Brave, ĥiĥonaj gesamideanoj!

Mi ne ŝatas veti. Veto kaj risko-de-mono sinonimas. Mi estas emerito kaj ne "sinonimemas"per mia emerituro. Definitive, mi ne ŝatas veti. Cetere "ŝi" tion ne permesus. Ŝi kaj edzino ankaŭ sinonimas.

Sed hodiaŭ mi vetas. Kun iu ajn. Ke en la mondo ne estas alia urbo tiom longe ŝirmata de la verda flago, kiel Ĥiĥono(En la Hispana Gijón. Prononcu Ĥiĥon'). Nur plulegu. La strando de Ĥiĥono estas nomata "strando de San Lorenzo (de Sankta Laŭrenco)". Ĝi estas du kilometrojn longa. Kaj tre, tre bela. Ankaŭ bela estas la apuda promenejo. Kaj ankaŭ du kilometrojn longa. Ekzakte, kiel la strando. Somere, dum pli ol tri monatoj, tiu promenejo estas ornamita de flagoj ĉiulandaj. En ĝia tuta longeco. Unu estas la nia, la verda, la esperanta flago. Dum pli ol tri monatoj. Post tiu tempo, alvenas Oktobro. Kaj nia flago iras al MERCAPLANA (pr. merkaplana). Ne malproksime de la strando. Tie ĝi flirtas super stando (Iom petolema flago: de la strando al la stando), en la foirejo de Ĥiĥono, ĝis alveno de Aprilo. Rimarku: de Oktobro al Aprilo. La standon ĝentile kaj senpage metis sub la disponon de Astura Esperanto-Asocio la Astura Komerca Ĉambro. Ĉar MERCAPLANA estis origine "MERCAdo de PLANtas y Animales" (Merkato de plantoj kaj bestoj). Naskiĝinte antaŭ 12 jaroj, ĝi evoluis al la nuna stato de fakta Por-infana vintra salono kaj Kulturamuza salono, disvolviĝante sub tiuj devizoj en la periodo 1.983 - 1.984. MERCAPLANA apertas ĉiusabate, ĉiudimanĉe, ĉiufestotage. En nia stando deĵoras du/tri samideanoj, sinofere por Esperanto. Laŭ ŝajna E-kutimo, ili ĉiam estas la samaj. Diversaj afiŝoj ornamas la etoson de konstanta ekspozicio de libroj, gazetoj, revuoj, diskoj, bildkartoj, afrankitaj kovertoj el tuta mondo... Aĉeteblas tie lernolibroj, vortaroj, insignoj, esperantaĵoj... Kompreneble, vizitantoj de MERCAPLANA estas ĉefe geinfanoj, akompanataj de siaj gepatroj. Sed ankaŭ plenaĝuloj svarmas tie. Dum tiuj iom pli ol ses monatoj, nian standon vizitis milmiloj da personoj. Venis ili el la kvar ĉefpunktoj de nia provinco. Kaj el aliaj provincoj hispanaj. Eĉ el eksterlando. Ĉar nin vizitis kelkaj sudamerikanoj venintaj al Ĥiĥono ĉu pro familiaj, ĉu pro alispecaj aferoj. Ni disdonis milojn da informiloj pri Esperanto. Ni improvizis provlecionojn de gramatiko, pri vortfarado, k.s. Ni respondis multegon da ĉiaspecaj demandoj priesperantaj.



Dum tiom longa tempo multdiversaj anekdotoj okazis. Nepre menciindaj estas la plej granda parto el ili. Sed



spaco mankas. Jen do nur specimeno:

Voĉo el infangrupo aŭdiĝis foje: "Ni petos nian instruiston ekde morgaŭ instrui Esperanton al ni". Alifoje, el alia grupo: "Kial tiel facilellerneblan lingvon oni ne instruas al ni en la lernejo ?" Alifoja infana voĉo: "Nur dum 5 minutoj oni klarigis al mi la esperantajn numeralojn, sed jen jam mi scias kalkuli en Esperanto; eĉ mi kapablas diri en tiu lingvo mian telefonnumeron! Profesorino el Porto-Riko, kiu nun doktoriĝas pri lingvistiko en Sorbono (Parizo) interesiĝante pri nia lingvo nin demandis pri adresoj de esperantistoj sialandaj. Alia profesorino, ĉi tiu pri latinidaj lingvoj, vizitis nin celante ricevi kiel eble plej ampleksan informadon pri Esperanto "ĉar - ŝi diris - ofte miaj gelernantoj lastatempe demandas min pri Esperanto kaj, verdire, mi neniam scias kion respondi, ĉar mi nenion scias rilate tiun lingvon". Ŝi faris multajn demandojn, kiuj ricevis kontentigajn respondojn. Menciinda estas ke ŝi aĉetis vortaron.

Neeble estas rakonti pri ĉio okazinta en kaj ĉirkaŭ nia stando dum pli ol ses monatoj.

La penado de la tieaj deĵorantoj estas silenta, abnegacia. La sinteno de la vizitantoj estas brua, konfuza. La tempo pasanta estas longa, peza. La spaco ĉi tie disponebla estas malgranda, prema... Sed la standardo... Ha ! La standardo ! La verda standardo dum pli ol dek monatoj flirtas en la ŝiĥona aero.

Kelkfoje milde, kelkfoje skue.

Sed ĉiam fiere !

Ĉiujare !!

................

Jes. Hodiaŭ mi vetas !

ALCIBIADO
GONZALEZ MEANA

✪ ✪ ✪




Fotisto: SANTIAGO

## AKROSTIKO

Pipro kaj sal' de ĉi revuo,
Inteligente traktas ŝi
Longe pri l'Arto de Menuo.
Aldonos mi, ke sen enuo
Receptojn ŝiajn legas ni.

Alcibiado

Perán, 1984.04.16